


*Sanon, pacon kaj amon por la jaro 1999!*

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI
POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

DECEMBRO 1998

N-ro 4 (87)

**Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de**

# juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1237 vort'radikojn. Tiu ĉi vort-ar'eto: ***Esperanto, Minimum szótár*** aperis en 1995, kaj estas aĉet-ebla ĉe la libro-servo de UEA kaj HEA.

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de fin-aĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la re-konon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto re-venas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komencanto (esperantisto, patrino ...) ni ne uzas kromsignojn.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo



***Sur la titol'paĝo:* Desegn'aĵo de Monika Molnár (Hungario): Koboldo**

## *Egalajn rajtojn sen distingo[1]!*

*Antaŭ 50 jaroj, la **10-an de decembro 1948**, estis akcept'ita la Universala Deklaracio (UD) pri Homaj Rajtoj.*

*De 50 jaroj ni, loĝ'antoj de la Tero, havas egalajn rajtojn sen diskriminacio[2]. Mi konscias, ke oni tuj povas kontraŭ-diri: la rajtoj ekzistas nur sur papero. Certe, ĉie tra la mondo, ekzistas ankoraŭ multaj fiagoj kontraŭ la homo, sed pri tio kulpas ne UD; male, ĝia nura ekzisto, de jaro al jaro, grave kontribuas[3] al la fina celo: vivo inda je homo.*

*Ni, esperantistoj povas esti aparte fieraj, ke en sia Statuto[4], jam antaŭ ol ekzistis UD, UEA deklaris: "respekto de la homaj rajtoj estas por ĝia laboro esenca kondiĉo."*

*Ni plene konsciu, ke ne ekzistas apartaj, izol'itaj rajtoj. Ili inter-de-pendas. Efektiv'igo de unu el ili ven'igas la real'igon de la dua, poste sekvas la tria kaj la ceteraj. Ankaŭ la rajto por sia lingvo kaj tiu por universala lingvo estos neevit'eblaj sekvoj de UD.*

*Per ĉiuj niaj agoj ni servu al tio, ke la mal-vivaj literoj de UD pri Homaj Rajtoj kiel eble baldaŭ ĉie fariĝu vivaj.*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

1. diferenc'igo / 2. ne-justa distingo / 3. al-donas, rezult'igas / 4. baza regul'aro de organiz'aĵo.




**O**kaze de nia granda festo-tago, la 15-a de decembro, naskiĝ'tago de ZAMENHOF, kaj sam'tempe TAGO DE ESPERANTA LIBRO, ni prezentas al vi la verkon de s-ro Mohamed KALAÎ (Alĝerio), kiu fariĝis la *"desegn'isto de Juna Amiko en 1998"* kaj la poemon de Julio BAGHY[1] (1891-1967), kiu ĉiam ankoraŭ estas tre aktuala[2]:

# Por NIA FESTO

## ESTAS JAM TEMPO

Kial silenti mute[3], sen-vorte
nin ced'ante[4] al sorto-fatalo[5];
Kial sen ago stari mal-forte
ĉe l' altaro[6] de Mond'idealo[7];
kial ne rompi dise per Amo
la katenojn[8] de l' sklava[9] hom'aro
kaj ek-lum'igi per sankta flamo
la deviojn[10] de l' homa frat'aro
se estas jam tempo!?

Kial ne agi, kiam en sango
barakt'ante[11] ve-adas nacioj,
kiam la larmoj fluas sur vangoj,
furiozas[12] militaj furioj[13],
kiam sen kredo, sen konduk'anto,
sin perd'ante en viv'labirintoj[14],
vane atendas je la Sav'anto
la viktimoj[15] de celon perd'intoj,
se estas jam tempo?!

Fratoj! Ni havas forton, potencon
kun majesta[16] ideo en koro!
Ne atend'ante la rekompencon[17]
helpu *ni* en giganta[18] laboro!
Fratoj! Morgaŭan tagon pri-penti[19]
antaŭ la sun'lev'iĝo — rid'inde!
*Ami* instruu homojn kaj *senti*
*teni sin je nom' de l' Homo inde,*
ĉar estas jam tempo!

Fratoj! Nin vokas nia ideo!
Do lev'ante la kapojn ni iru!
Nin ne tim'igu eĉ la pereo[20]
nur pri venko triumfa[21] sopiru[22]!
Fratoj! Sed, se ni ĉiuj pereus
por ideo en paca batalo,
kredu, se eĉ tut'mondo ĝin neus,
venkos certe la Mond'idealo,
ĉar estas jam tempo!

1. mond'fama hungara Esperanta poeto kaj instru'into / 2. nun-tempe valida, vera / 3. muta: ne-kapabla paroli / 4. cedi: lasi ion okazi / 5. ne-evit'ebla sorto / 6. ĉefa loko en preĝ'ejo / 7. sankta ideo efektiv'ig'inda / 8. lig'ilojn por malliber'uloj / 9. sen-rajta / 10. de-klin'iĝojn de ĝusta celo / 11. barakti: ripete fari sen-rezultajn movojn / 12. kondutas kiel homo ĉe frenez'atako / 13. malbonaj spiritoj / 14. lokoj, kie oni mal-facil'ege trovas el-ir'ejon / 15. mal-gajn'intoj de la sorto / 16. tre nobla, preskaŭ sankta / 17. pagon por bon'faro / 18. grandega / 19. kore bedaŭri malbonan agon / 20. morto / 21. glora, grandioza, tre sukcesa / 22. dezir'egu.

# KOBOLDOJ kaj FEOJ

(Ilustr'aĵo sur la titol'paĝo)

**Ĉu vi kredas je koboldoj[2] kaj feoj[1]? Finnoj certe kredas! Aŭ kredis antaŭ ol al-venis la misiistoj[3], kiuj ne tute nul'igis la praan pens'manieron.**

Nun-tempe oni re-interes'iĝas pri la pas'int'eco. La desegn'isto *Mauri Kunnas*, ekzemple, multe pri-studis la finnan folkloron[4], la malnovajn meblojn kaj labor'ilojn en muzeoj[5], por verki pri niaj pra-avoj infan'librojn kun interesa, amuza kaj, sam'tempe, sciiga en-havo.

La finna koboldo iom mal-similas ali'landajn koboldojn. Finnaj koboldoj estas mal-ofte vid-ataj. Se iu, hazarde, renkontas koboldon, tiu tuj volas fuĝi[6], ĉar li estas sekret'ema kaj volas eviti homojn, malgraŭ ke li kaŝe helpas kaj protektas ilin. Se oni insistas[7] kon'at'iĝi kun li, li povas ofend-iĝi[8]. Tiuj, kiuj iam vidis koboldon, diras, ke li estas malgranda, griza, maljun'ega est'ulo kun longa barbo kaj ruĝa ĉapo.

La esperantistoj en urbo **Iisalmi** ĵus kolektis la lokan rakont'aron pri koboldoj kaj feoj por folklora libro. Ili star'igas ankaŭ ekspozicion[9] pri art'aĵoj kun kobolda temo: pupoj, pentr'aĵoj, memor'aĵoj. En aŭgusto 1999 ili okaz'igos tri-tagan internacian seminarion[10] pri la sama temo kaj pli-grand'igos la ekspozicion per tut'mondaj kontribu'aĵoj. La ekspozicio havos la titolon **"La pas'int'eco en ni"**. Ili jam trovis kelkajn kun-labor-antojn, ne nur inter parencaj finno-ugraj etnoj, sed ankaŭ en Bolivio kaj Ĉinio. Ĉu ankaŭ vi povus kontribui?

*Raita Pyhälä* (Finnlando)

1. fabelaj est'aĵoj kun super-naturaj povoj / 2. petol'emaj feoj / 3. ĉi tie: religi'uloj kiuj volas krist'an'igi ne-kristanojn / 4. popol'arton / 5. ejoj, kie oni el-montras malnovajn objektojn, memor'aĵojn / 6. for-kuri / 7. ne cedas en decido / 8. ofendi: kaŭzi al iu psikan doloron / 9. publika el-montr'ado de produktoj, art'aĵoj / 10. praktika kurso kun diskutoj.

# HOMO KAJ BESTOJ

## (Fabelo de Aztekoj[1])

Iu-foje, antaŭ multaj, multaj jaroj, la bestoj vizitis sian amikon, la homon kaj diris al li:

"Ni ne volas plu vidi, ke vi estas mal-gaja. Diru al ni, kiel ni povas helpi al vi kaj ni plen'umos viajn dezirojn".

"Mi volas esti feliĉa", diris la homo.

Sed la saĝa strigo[2] kontraŭis:

"Ĉu iu scias, kio estas feliĉo? Deziru ion hom'ecan!"

"Do, bone", konsentis la homo. "Mi volas esti bela".

"Estu tiel bela kiel mi", proponis[3] la gipo[4].

"Mi volas esti forta."

"Estu forta kiel mi", promesis la jaguaro[5].

"Mi volas sci'povi kuri rapide kaj sen-lace".



"Mi donos al vi la rapidecon de miaj kruroj", blekis la cervo[6].

"Mi volas havi povon antaŭ-diri, kiam venos pluvo".

"Mi atent'igos vin pri tio per mia kant'ado", pep'kantis la malgranda najtingalo[7].

"Mi volas esti ruza".

"Tion mi instruos al vi", diris la vulpo[8].

"Mi volas povi grimpi sur arbojn".

"Mi donos al vi, por tio, miajn ungojn", promesis la sciuro[9].

"Mi volas, ke mi povu vidi en mallumo".

"Havu miajn okulojn", ronronis[10] la vir'kato.

"Mi volas koni la san'igajn plantojn".

"Mi montros ilin al vi, ĉar mi konas ilin ĉiujn", siblis[11] la serpento[12].

La homo dankis kaj for-iris.

La strigo diris: "Nun la homo scias mult'ege, tamen li ĉiam restos mal-kontenta".

Kaj la malgrandaj bird'etoj kriis: "Ho, vi, bedaŭr'indaj, stultaj[13] bestoj. La homo nun scipovas multe pli ol iu ajn el vi, de nun li ĉiam venkos vin".

Kaj la birdetoj pravis. Ĝis hodiaŭ.

Tradukis kaj adaptis: *Dieter* BERNDT

1. popolo kiu loĝis en Meza Ameriko / 2. nokta birdo kun grandaj okuloj / 3. rekomendis akcepti ies konsilon / 4. sovaĝa birdo kun nuda kolo / 5. danĝera, rapid'kura, kato-simila besto / 6. arb'ara besto kun bel'ega korn'aro / 7. birdo kiu bele kantas / 8. arbara besto kun ruĝe flavaj haroj kaj longa vosto / 9. rapid'mova best'eto kiu vivas sur arboj / 10. el-igis voĉon de katoj, kiam ili estas kontentaj / 11. eligi sonon de long'daŭra *s* / 12. sen-pieda besto kun longa, tubo-forma korpo / 13. mal-saĝaj.

# PASPORTA SERVO

**La Pasporta Servo (PS) de TEJO[1] estas unika[2] servo, kiu jam ekzistas preskaŭ 25 jarojn. Ĝi servas ne nur al la gast'ig'antoj kaj gastoj, sed ĝi sam'tempe klare montras al la ekstera publiko, ke Esperanto utilas kaj bone funkcias en la praktiko. Eblas eĉ varbi[3] per PS. Multaj homoj lernas Esperanton nur ĉar ili volas vojaĝi per PS. Ĉu vi ne jam aŭdis pri ĝi?**

## MALMULTE-KOSTA VOJAĜ'ADO

Per PS eblas malmultekoste vojaĝi. Ĝi estas *internacia gast'iga reto*. Vi povas senpage tranokti ĉe 871 gastigantoj (en 75 landoj), kiuj aperas en la el-dono 1998. Komence de ĉiu jaro aperas nova listo[4] de gastigantoj. Se vi aĉetas la liston, vi rajtas uzi la servon. Tute simple, ĉu ne? Kaj se vi pet'veturas, restas nur manĝo-kostoj dum via vojaĝo. Jen bon'ega maniero por ekkoni landojn kaj homojn per Esperanto. Ni mem, ekz., gastis ĉe finn'ino el Mikkeli, ĉe urb'estro de Kassel, kie ni kamp'adis en la ĝardeno, kaj ni rajtis uzi la saŭnon[5] de gastiganto el Helsinki.

## AGRABLA GASTIGADO LAŬ VIAJ PROPRAJ KONDIĈOJ

Eblas eĉ ŝpari la kostojn de la listo. Se vi mem fariĝos gastiganto, vi ĉiu-jare ***senpage*** ricevos la novan liston de la gastigantoj kaj, do, ankaŭ ***senpage*** rajtos uzi la servon. Kaj krom tio, vi akceptos interesajn gastojn en via propra hejmo. Kompreneble, gastigado okazos laŭ viaj kondiĉoj, kiujn vi pres'igos en la listo. *Multaj gastigantoj, ekzemple,* postulas antaŭan skriban peton, dum aliaj simple diras: "venu propra-riske[6], sed mi ofte for-estas". Multaj diras: "kun-portu dormo-sakon, vi devos dormi sur-planke, kaj mi havas nur unu ĉambron", sed kelkaj ofertas gast'liton en aparta ĉambro. Preskaŭ ĉiuj gastigantoj mencias[7] la maksimumajn[8] nombrojn de gastoj kaj tra-noktoj. Ofte nur unu gasto por unu nokto, sed foje 10 gastoj por monato! Multaj gastigantoj ofertas eĉ maten'manĝon, dum kelkaj petas modestan[9] kompenson[10] por tio. Ni mem, ekzemple, gastigis kelkajn hungarojn kiuj, mal-feliĉe, lasis sian (tre bon'gustan!) kolbason en nia frid'ujo[11], du kore-

anojn, kiuj fin'manĝis nian ujon da hispana pipro jam dum la matenmanĝo, du germanojn, kiuj volis sek'iĝi post pluraj tagoj da tendum'ado, familion da svedoj, kun kiuj ni ĵonglis sur la herb'ejo, grupon el Taĝikio, kun kiuj ni kantis kaj gitar'ludis.

**POR ĈIUJ AĜOJ**



PS estas utila kaj interesa por ĉiu-aĝaj homoj. Junuloj gastigas en siaj studentaj ĉambroj kaj petveture aŭ trajne mal-kovras la mondon dum la feriaj monatoj. Foje ili gastas ĉe esperantistoj, kiuj havas kvar-oblan aĝon, sed tio ne mal-helpas agrablan babil'adon kaj interesan interŝanĝon de spertoj kaj ideoj.

**ĈIAJ GASTIGANTOJ**

La listo en-havas tre malsamajn gastigantojn. Gastiganto en Cotonou, Benino, volonte gastigas 10 personojn por unu monato, sed (prave) ne ofertas manĝojn. Iru al Taŝkent, Uzbekio, nur se vi estas sperta esperantisto, ĉar "kiu malbone parolas Esperanton, tiu estos instru'ata per bastona metodo[12] kaj lernolibro". Eblas gasti en *tao*-komun'umo en la pluv'arbaro de Kolombio. Gastiganto en Santa Barbara, Filipinoj, avertas vin kunporti moskito[13]reton. En Hannover, Germanio, eblas prunti kaj parki biciklon. Kaj gastiganto en Rusio skribas: "Venu, se vi ŝatas trankvil'econ de arbaroj, bel'econ de arbaraj lagoj, kolekti arbarajn berojn kaj fungojn[14], kaj se vi lac'iĝas de la bruo de grandaj urboj". Kaj tiel plu...



**PRAKTIKA LIBRETO**

La listo unua-vice estas

1. Tut'monda Esperantista Junulara Organizo / 2. neĉiu-taga, interes'ega / 3. al-tiri homojn, an-igi / 4. aro da nomoj kun adresoj / 5. vapor'banejon / 6. riski: intence el-meti sin al danĝero / 7. diras, sen aparta insisto / 8. plej altajn / 9. mal-altan, preskaŭ sensignifan / 10. pago kontraŭ servo / 11. ujo en kiu oni tenas manĝojn malvarmaj / 12. certa maniero de instruado / 13. suĉ'insekto kiel kulo / 14. speco de kresk'aĵo kun ĉapelo / 15. mezuro de paper'folio / 16. prenas, ricevas el ĝi informojn / 17. landkartojn / 18. en-hav'tabelon / 19. grand'iga vitro / 20. malalt'ig'ita prezo / 21. dat're-veno / 22. ne-kred'eble altan / 23. dis-donos laŭ bonŝanco / 24. atest'ilo pri mono / 25. homo kiu kolektas kaj

praktika. Ĝi estas libr'eto de formato[15] A/5. Oni facile konsultas[16] ĝin dum vojaĝo. La lasta eldono enhavas 24 mapojn[17], 871 adresojn, enkondukon kaj indekson[18] en 164 paĝoj, kaj pezas nur 100 gramojn. Malgraŭ tio, vi ne bezonas lupeon[19] por legi ĝin. La listo estas aĉet'ebla ĉe la libroservo de UEA kontraŭ 24 NLG (kun tri-obla rabato[20], se oni mendas tri aŭ pli). Al-don'iĝas sendokostoj je 10%. 24 NLG estas multe, sed pri-pensu, ke per la vendado de la listo ni devas kovri ĉiujn kostojn de PS, inter kiuj pres'ado kaj senpaga send'ado al pli ol 850 adresoj tut'monde! Kalkulu mem … . Cetere, kelkaj libroservoj kaj Landaj Organiz'antoj aŭ Landaj Sekcioj de TEJO vendas ĝin kontraŭ pli favoraj prezoj.

## AKTUALA INFORMO

Dum la jaro la hejm'paĝo de PS en Interreto <http://home.wxs.nl/~lide/paspserv.htm> informas pri adres'ŝanĝoj kaj novaj adresoj al la posed'antoj de la listo. Kaj se vi interes'iĝas pri PS, tie vi trovas pli da informoj.

## FARIĜU GASTIGANTO!

Ju pli granda estas la nombro de la gastigantoj, des pli bona estas la servo. Okaze de la 25-jara jubileo[21] de Pasporta Servo, en la venonta jaro, ni volas atingi la magian[22] nombron 1000 gastigantoj kaj pro tio ni lot'umos[23] tri libro-ĉekojn[24] de 100 NLG.

## KIEL FARIĜI GASTIGANTO?

Petu al-iĝ'ilon de UEA, aŭ petu elektronikan aliĝilon ĉe ret'adreso <lide@wxs.nl> aŭ je <http://home.wxs.nl/~lide/aligxilo.txt>. Vi povas ankaŭ sendi viajn informojn rekte al la kompil'anto[25]: Kompila Teamo de Pasporta Servo de TEJO, Derk Ederveen, Westenburgstraat 15, NL-2275 XR Voorburg, Nederlando.

Nepre menciu vian nomon (la familian nomon skribu majuskle!), naskiĝ'jaron, adreson (ne Esperant'igu!), poŝtan kodon, landon kaj la kondiĉojn. Aldonu retadreson, telefon- kaj faks'numeron, laŭ-vole. *Nepre* menciu ankaŭ la geografiajn koordinatojn[26] de via urbo, ĉar ni volas presigi vian urbon sur la mapoj.

*Derk EDERVEEN* (Nederlando)

kun-metas la materialon / 26. ter'zonaj linioj orient-okcidenta kaj norda-suda.

1. pra-tempaj / 2. sam'de-venaj hom'grupoj / 3. loko, spaco / 4. en-havis, al ili apartenis, inter-alie / 5. maro inter Balkanio kaj Italio / 6. antaŭ Kristo / 7. grand'ega regno kiu konsistas el pluraj landoj sub la reg'ado de unu reg'anto / 8. sen-timaj / 9. havis efikon / 10. turkoj / 11. fam'ega / 12. kaŭzis doloron / 13. formo de reg'ado / 14. en-radik-iĝi.

# ILIROJ

## ANTAŬULOJ DE NUN-TEMPAJ ALBANOJ

Vi jam certe legis en via lerno-libro pri antikvaj[1] triboj[2] de Eŭropo: grekoj, latinoj, keltoj, vikingoj kaj multaj aliaj, inter ili ankaŭ iliroj. En pra-tempo iliroj loĝis en tre vasta teritorio[3], kiu inkluzivis[4] la nuntempan Bosnio-Hercegovinon, Montenegron, Serbion, Dalmation ĝis Triesto kaj la tutan nunan Albanion kaj nordan Grekion (Epirion). Laŭ historiisto *STRABONI* epiroj, iliroj kaj macedonoj parolis la saman lingvon ne-grekan. El tiu lingvo fontas la albana, verŝajne la plej malnova en Balkanio.



La ĉef'urbo de iliroj estis *SHKODRA*, nom'ata en Okcidento kiel *SCUTARI*. Shkodra estas granda urbo ankaŭ hodiaŭ, en norda Albanio. Iliroj regis siatempe la tutan Adriatikon[5]. Nur en la jaro 169 a.K.[6] la Romia Imperio[7] sukcesis al-igi al si ankaŭ Ilirion. La reĝoj de iliroj nom'iĝis *Gent, Teuta, Bardhyl, Pirro*. Ili estis tre bravaj[8] kaj kuraĝaj homoj. Pirro uzis, la unua, elefantojn en la milito kontraŭ la sud'italaj reĝoj. *Plutarko* diras, ke oni nomis Pirro "shqipe" (aglo), de kiu venas la nuna nomo de albanoj kaj Albanio (shqiptare, Shqiperi). Tiuj, kiuj ricevas leterojn el Albanio, vidas sur la poŝtmarkoj ne Albanion sed Shqiperia. (La nomo Albanio de-venas el la nomo de iu ilira tribo en meza Albanio (Arberia, Arbonia). La vorto Iliria en la albana lingvo signifas "libera lando" kaj, fakte, iliroj estis liberaj homoj. Iliroj not'inde influis[9] la historion de la Romia Imperio. Ĉu vi scias, ekzemple, ke pluraj ties imperi'estroj estis iliroj kiel *Diokleciano, Justiniano.* Post romi'anoj la landon invadis slavaj gentoj kaj la iliroj parte pereis, parte re-tir'iĝis en mont'arojn. Poste alvenis la osmanoj[10], kiuj regis dum 500 jaroj. Ek-de la komenco, tra 25 jaroj (1443-1468), la albanoj gvidataj de la legendema[11] *SKANDERBEG* kontraŭ-staris ilin. La morto de Skanderbeg ĉagren'igis[12] la tutan popolon. Ĝis hodiaŭ, montar'anoj sin vestas, ĉe ni, per nigraj vestoj je memoro al li.

Albanoj sen-de-pend'iĝis en 1912. De tiam, ili havis kelkajn reĝimojn[13]: la reĝan, faŝisman kaj komunisman. Nun, fin'fine, demokratio komencas establ'iĝi[14].

***Bardhyl MEZINI* (Albanio)**

*Stefan MacGill:*

# PORTU AL MI, RAPIDE!

*Sceno: Restoracio. Viro kun longa nazo, stranga har'stilo kaj "laŭta" ĉemizo en-venas kaj sid'iĝas. Kelnero preter-iras rapide, kelk'foje. Vid'ebl'as la sving'pordo[1] al la kuir'ejo. Super ĝi pendas horloĝo.*

**G(asto):** Kelnero! Kelnero! Mi petas!

**K(elnero):** Momenton, sinjoro, mi estas okup'ata! *(Mal-aperas, re-aperas.)*

**G:** Kelnero! Kelnero! Mi devas rapidi! Venu, mi petas!

**K:** Tuj, sinjoro! Mi servas tri aliajn klientojn[2]! *(Malaperas, reaperas.)*

**G:** Kelnero! Kelnero! Mi mal-fruas!

**K:** Tuj, sinjoro! Mi servas du aliajn klientojn! *(Malaperas, reaperas.)*

**G:** Kelnero! Kelnero! Mia vico, nun!

**K:** Ankoraŭ ne! Mi servas unu alian klienton! *(Malaperas, reaperas.)*

**G:** Ve! Kial mi ĉiam re-venas al ĉi tiu terura restoracio?

**K:** Jen! Nun estas via vico! Kion vi deziras, sinjoro?

**G:** Bon'volu porti al mi hamburgeron[3] kun fromaĝo, kun frit'aĵo[4], rafanoj[5] kaj kukumo[6]! Rapide!

**K:** Tuj, sinjoro, fulme rapide! *(Li komencas for-iri.)*

**G** *(re-vokas lin):* Ĉu vi ne skribas mian mendon? Vi forgesos ĝin!

**K:** Tute ne, sinjoro. Mi havas mir'indan memoron!

**G:** Sed vi havas, ja, centojn da mendoj. Kaj tri aŭ eĉ pli, sam'tempe!

**K:** Mi havas sekretan metodon[7]! Kelneran sekreton! Per tio, mi neniam forgesas.

**G:** Ĉu vere? Diru al mi vian sekreton.

**K:** Mi kreas rimojn[8], poem'etojn[9]. Ili helpas al mi memori. Ekzemple por vi:

> Fritoj, flava rond'aĵo kaj rafanoj
> inter hamburgeraj panoj.
> Al-done, kukumo
> — jen menda resumo.

**G:** Bon'ege! Sed, krom la mendoj, vi devas memor'teni ankaŭ centojn da klientoj. Kaj dekojn samtempe!

**K:** Problemo[10] nenia! Mi kreas rimojn ankaŭ por ili. Aŭskultu!

> Terura ĉemizo, punka frizuro[11],
> Long'ega nazo, absurda[12] figuro!

**G:** Hmmm! Mia ĉemizo estas tre moda!

**K:** En Havajo, eble.

**G:** Ne gravas! Gravas nur, ke vi rapide portu mian mendon!

**K:** Mi fulmos rapide! Mi rapidos fulme! Mi jam ne estas ĉi tie. *(Li rapidegas for al la kuirejo kaj tuj reaperas kun tri pladoj, liveras ilin al tri klientoj, la tria estas por nia gasto: fritaĵoj, kukumo, rafanoj, sed ĉefe **grapfrukto**[13] inter hamburgeraj panoj.)*

**K:** Sinjoro, jen monda rekordo[14] pri rapida livero de manĝo! Bonan apetiton!

**G:** Sed, sed, ne tion mi mendis! Kio estas tio?

**K:** Precize:

> Fritoj, flava rondaĵo kaj rafanoj
> inter hamburgeraj panoj.
> Aldone, kukumo...

**G:** Fritoj – en ordo, hamburgero – en ordo, rafano kaj kukumo – perfektaj, sed kio... KIO? estas tio? *(Li montras al la grapfrukto.)*

**K:** "... flava rondaĵo", sinjoro. Ronda kaj flava! Kontrolu[15] mem!

**G:** Sed ne ***tiun*** flavon, kaj ne ***tiun*** rondaĵon mi petis.

**K:** Ha ve! Ĉu mi mis-memoris? Kio alia estas flava kaj ronda? Persi-

ko[16]..., ĉu tion vi deziris?

G: Ne, ne, tute ne! Mi mendis...

K: ... la sunon!!! Ĝi estas ronda kaj flava!

G: Ne, ne! Bonvolu for-porti tion. Eble ĝi estas por iu alia. ***Mi*** ne mendis tion.

K: "Terura ĉemizo, punka frizuro, longega nazo, absurda figuro!"... Sinjoro, tio estas certe vi, kaj neniu alia.

G: Kelnero, bonvolu rigardi tiun manĝaĵon. Ĉu ĝi ne aspektas strange?

K: Nu, jes, fakte...

G: Ĉu iu ajn iam venis en vian restoracion kaj mendis tion?

K: Nu, fakte, ne. Neniu, neniam. Sed neniu venis kun tia ĉemizo, tia frizuro...

G: Forportu tuj tiun grapfruktan hamburgeron kaj al-portu ***fromaĝan***, kiel mi petis.

K: Tuj, sinjoro. Fulme! *(Li prenas ĝin, sed rimarkas la horloĝon; estas la dua horo.)* Ho, sinjoro, mi bedaŭras, mi ne povas fari tion.

G: Kio? Kial ne?

K: Estas la dua horo. Estas nun lunĉpaŭzo[17] ***mia***. Aŭskultu:

Fine, je la dua, post laboro,
Venas staba[18] manĝo-horo!
Bon'gust'aĵoj montu sur teleroj,
Por kuir'istoj kaj kelneroj!

*(al si mem, for-ir'anta)* Nu, kion elekti hodiaŭ? Ĉu salmo-fiŝa salato[19]? Ĉu ĉampano[20] kun kaviaro[21]? Ĉu bifsteko[22] kun ... Ne, hodiaŭ mi preferas ***hamburgeron...*** kun fromaĝo, rafano kaj kukumoj! Mmm, jam mi salivas[23]... *(Li iras al la kuireja pordo)* Hej! Kuiristo! Estas la dua horo! Lunĉpaŭzo por ni! Tempo mal-paki la ***vere*** bongustajn manĝaĵojn! *(Malaperas.)*

G: Grrrrr!



1. svingi: movi tien-reen plur'foje / 2. ĉiama gasto en restoracio, ĉe frizistino, kuracisto / 3. specialan sandviĉon el bulko / 4. frit/frit'aĵo: ter'pomo far'ita en varmega oleo / 5. glob'forma legomo akra-gusta / 6. longa, tubo-forma verda legomo / 7. maniero fari ion kun bona rezulto / 8. sam- aŭ simil'sonajn vers'finajn silabojn / 9. vers'aĵojn / 10. mal-facil'aĵo / 11. kresta har'aranĝo; kresto: sur-kapa el-kresk'aĵo ĉe kok(in)oj / 12. tre stranga / 13. citron'oranĝo / 14. pint'rezulto en sporto / 15. reekzamenu por esti certa pri la rezulto / 16. glob'forma dolĉa frukto / 17. interrompo de laboro por tag'manĝi / 18. stabo: kolektivo kiu kune laboras kaj estras / 19. manĝaĵo el dis-tranĉ'itaj pecoj / 20. fama ŝaŭmo-vino / 21. manĝaĵo el ovoj de fiŝo / 22. tranĉ'aĵo el bov'aĵo / 23. buŝo-likv'aĵo.




# GERMANIO

## PREZENTAS SIN

**Tutajn kvardek jarojn (1949-1989) Germanio estis fend'ita[1] en du partojn. La pli granda parto, Federacia Respubliko Germanio (FRG) estis loĝ'ata de "okcident'uloj", la alia, Germana Demokratia Respubliko (GDR), de "orient'uloj".**

Nun-tempe (ekde la 3-a de oktobro 1990) 16 federaciaj[2] landoj konsistigas la unu-ecan ŝtaton FRG. Laŭ teritorio[3], la plej granda federacia lando estas Bayern [bajern] kun pli ol 70000 kvadrataj kilometroj (km$^2$); kaj la plej malgranda estas Bremen kun 404 km$^2$. Germanio en-tute okupas iomete pli da km$^2$ ol la sen-glacia areo[3] de Gronlando aŭ iomete mal-pli ol la usona ŝtato Montana.

La blazonoj[4] kaj flagoj de la respubliko[5], de la federaciaj landoj, de la regionoj povas surprizi vin per bestoj, ofte tim'igaj kiel, ekzemple, la urso[6] de Berlino (nia kongres'urbo en 1999). Tamen ne timu, eĉ la urbo-nomo Berlin de-venas ne el la germana vorto de urso (Bär [ber]) sed, ver'ŝajne, el slava vorto, kiu signifas marĉon[7], malgraŭ la urso en la berlina flago.

Pri ali'etna[8] influo[9] atestas ne nur slav- aŭ latin'devenaj nomoj kiel Köln [Keln] el la latina Colonia [kolonia] aŭ Konstanz [Konŝtanc] el Constantia, sed ankaŭ la kun-viv'ado kun slava minoritato[10] de ĉirkaŭ 60 000 soraboj (lizaciaj serboj, germanlingve Sorben [zorben]). Kaj de sur la kastelo[11] de la urbo Schwerin [Ŝverin] vin salutas impona[12] rajd'ista statuo[13] de la lasta slava princo[14] Niklot, de kies gento[8] devenis la meklenburgia duk'aro. Ĉu la menciitaj inter-etnaj ligoj ne esper'igus rilate al disvolv'iĝo de demokrata pens- kaj ag'maniero en la tuta loĝ'ant'aro? Espero logas, espero mensogas.

Antaŭ ol paroli pri alia lingva minoritato, la esperantistoj, mi volas atent'igi vin pri kelkaj famaj vid'ind'aĵoj kaj pri certaj lingv'aĵoj, kiuj, eble, instigos[15] vin pli profunde kon'at'iĝi kun la germanaj historio kaj lingvo. Unue rigardu la mapon[16], kiu informas vin pri loĝ'lokoj kun monumentoj en-vic'ig'itaj en la liston de Unesko pri monda kultur'hered'aĵo[17]!




Por komenco mi klar'ig'etas nur tri el ili.



***Aachen*** [Aĥen]. En la 8-a jarcento (jc) imperi'estro *Karlo la Granda* fondis la urbon, la "dua Romo" en la mezo de sia regno. La fama katedralo[18] servis kiel kron'ada[19] preĝ'ejo por tridek germanaj reĝoj. La imperiestro mortis en 814 kaj estas en-tomb'ig'ita en la katedralo.

1. *dis-tranĉ'ita, dis-hak'ita* / 2. federacio: unu-iĝo / 3. okup'ita spaco / 4. blazono: vidu tiun de Berlino ĉi-apude / 5. ŝtatformo / 6. granda bruna besto / 7. malfirma tero / 8. etno: sam'devena granda hom'grupo / 9. ekstera efiko / 10. malpli-multo / 11. bel'ega dom-ego / 12. bela, alloga, plaĉa / 13. figuro el metalo aŭ ŝtono / 14. princo, duko: riĉa alt'rang'ulo / 15. ektiv'igos / 16. land'karton / 17. post-las'ita valor'aĵo / 18. ĉef'preĝ'ejo / 19. krono: reĝa sur-kapa ornam'aĵo / 20. spiritan atmosferon / 21. doni faktojn sufiĉajn por re-koni iun / 22. el-pensis ion kio antaŭe ne ekzistis / 23. grand'igaj vitro-pecoj en longa tubo.

***Potsdam***. La ĉef'urbo de la federacia lando Brandenburg festis sian mil-jaran dokument'eblan ekziston en 1993. Vizit'antoj preskaŭ sen-pere povas sperti en ĝi la etoson[20] de iama Prusujo ***Völklingen*** [Felklingen]. Apud la urbo troviĝas unu el la lastaj fer'produkt'ejoj de okcidenta Eŭropo, fonditaj en la 19-a jc. La tiel nom'ata "fera katedralo" prezentas la tutan altteknike organiz'itan produkt'adon de krud'fero. Krome, ĝi simbolas la teknikan kre'iv'econ kaj la kulturon de la homo dum la unua kaj dua industriaj revolucioj.

La vorto Germanio certe el-vokas en vi ankaŭ nomojn de famaj sciencistoj, verkistoj, filozofoj kaj aliaj. Rigardu la portretojn kaj provu ident'igi[21] la fam'ulojn laŭ la aldon'itaj informoj pri iliaj verkoj.

● Li inventis[22] la periskopan lornon[23] kaj refraktometron. Krome, li evolu'igis la geometrian optikon. Li

estas kun-fond'into de mond'kon'ata fabriko de vitr'aĵoj en la urbo Jena.

❷ La vers'aĵo de tiu ĉi poeto-verkisto estis pli ol kvindek fojojn muzik'ig'ita, inter-alie de *Franz Schubert* [Franc Ŝubert] kaj *Robert Schumann* [Ŝuman]. En Germanio ĝi vivas kiel popol'kanto. Jen la unua strofo en la traduko de *K. Kalocsay* [Kaloĉai]:

*Vidis knab': jen, juna flor'!*
*Roz'uj'et' kamp'ara!*
*Bela, kiel la aŭror*[24]*!*
*Li al-kuris ĝoje por*
*vidi, kiel kara!*
*Rozo, rozo, ruĝa roz',*
*rozujet' kampara.*

❸ Post dev'ig'ita el-migro[25] al Parizo li profunde sopiris[26] al sia patro-lando kaj, sam'tempe, ege suferis pro la mal-ĝoja sorto de la laboranta popolo en "Vintra Germanio".

❹ Dramoj kiel "La Rab'istoj" kaj "Wilhelm Tell" sia-tempe – fine de la 18-a, komence de la 19-a jc – ŝokis la feŭdan despot'aron[27]. Adiaŭ-ante la for-pas'antan jaron en la tuta mondo oni preferas ludi la Naŭan Sinfonion de Beethoven [Betoven], en kies fina parto estas kant'ata "Al la Ĝojo", odo[28], ankaŭ verk'ita de nia "serĉ'ata" poeto.

Kaj nun, iom-ete pri la lingvo. Leg'ante la germanajn urbonomojn vi jam spertis kelkajn diferencojn inter la literoj respektive sonoj en Esperanto kaj en la germana lingvo. Sed, se vi estas serĉema kaj sci'vol'ema, vi ver'ŝajne jam konstatis, dum la ĝis-nuna E-lernado, ke multaj german'devenaj vort'radikoj troviĝas en nia internacia lingvo. Ekzemple:

– Hodiaŭ estas *milda tago* (germane: ein *milder Tag*);

– tio estas por mi *fremda vorto* (germane: ein *fremdes Wort*);



– ricevi *klaran bildon* pri Germanio (germane: ein *klares Bild*);

– esti kon'ata kiel *bunta*[29] *hundo* (germane: bekannt sein ein *bunter Hund*);

– mi *dankas* (germane: ich *danke*).

Nun tiom sufiĉas pri gramatiko[30].

Ni turnu, prefere, nian atenton al la esperantista vivo en la lando, kie en la jaro 1888 estis fondita la unua Esperanto-klubo de la mondo, nome en la urbo Nürnberg [Nirnberg]. Sur la mapo sude de Bamberg.

Unu jaron post la fond'iĝo ĉi tie aperis la unua gazeto en Esperanto *La Esperantisto*. Ĝi el-don'iĝis dum ses jaroj kaj havis abon'antojn[31] grand'parte el Rus'lando.

En la jaro 1903, en Berlino aperis la unua esperantista gazeto por germanoj, la *Germana Esperantisto*. Tri jarojn poste, en la urbo Braunschweig [Braŭnŝvajg] (sur la mapo norde de Goslar), okazis la

unua germana E-kongreso, dum kiu form'iĝis la *Germana Esperantista Societo,* kiu en 1909 fariĝis la hodiaŭa *Germana Esperanto-Asocio.* Fort'iĝis ankaŭ la labor'ista E-movado kaj en 1911 star'iĝis la *Germana Laborista E-Asocio* en Leipzig [Lajpcig].

Post la Unua Mond'milito re-vigliĝis la tuta movado. En Köln ĵurnalisto *Teo Jung* fondis unu el la plej gravaj gazetoj en Esperanto: *Heroldo de Esperanto* (ĝis 1925 sub la titolo *Esperanto Triumfonta*).



La faŝisma reg-ist'aro mal-permesis ĉian E-instru'adon kaj sub forta ideologia premo, fine, GEA ĉes'igis sian aktiv-adon (1936). Ĝi re-fondiĝis du jarojn post la fino de la milito, kaj jam en 1951 la 39-a Universala Kongreso okazis en München [Minĥen]. Simila vigliĝo en la orienta parto ne estis ebla antaŭ 1965. Dum la 69-a Germana Esperanto-Kongreso en München (1991) la du germanaj E-Asocioj unu-iĝis sub la tradicia[32] nomo GEA, kiu laŭ statistiko el 1998 nun nombras proksim'ume 1500 membrojn (inkluzive de la mem-stara junulara organizaĵo GEJ).



Eble vi mem povos konvink'iĝi[33], per propraj okuloj, pri la bunt'eco de la germana esperantist'aro, kiam en somero de 1999 vi staros en Berlino antaŭ la kun-ven'ejo de la 84-a UK, kie ni povos renkont'iĝi. Mi adiaŭas, do, per

Ĝis la!

*Till* DAHLENBURG
(Germanio)



24. tag'iĝo / 25. for-lasi sian patro-landon / 26. dezir'egi ion perd'itan / 27. despoto: plen'potenca sinjoro / 28. solena vers'aĵo / 29. plur'kolora / 30. regul'aro de lingvo / 31. aboni: antaŭ-pagi por ricevi gazeton, iun servon / 32. konforma al la pas'int'eco / 33. far'iĝi certa pri io.

En multaj landoj nun estas la 1998-a jaro

# Kioma estas en IRANO?

Malnovaj historiaj libroj mencias[1] Iranon kiel Pers'ujon. Tio signifas ke Irano estas la lando de Persoj. La plej-multo de la loĝantoj estas islam'anoj. La islama religio de-venas de Arab'ujo. Kvankam Iran'anoj ne estas arab'devenaj, tamen ili akceptis ĝin, kaj ankaŭ la Irana kalendaro[2] estas laŭ la islama religio.

۱۳۷۷ 1377

En Irano nun estas la **1377**-a jaro. Tio signifas, ke *Mahometo*, la islama profeto[3] antaŭ 1377 jaroj fuĝis[4] el Mekko al Medino. En arabaj landoj oni havas kalendaron laŭ lun'jaro sed, de pra-tempo, la Irananoj kalkulas laŭ **sun'jaro**. Pro tio, en arabaj landoj oni havas nun la 1419-an jaron, dum en Irano – la 1377-an, kiel mi menciis supre (sed laŭ pra-irana kalendaro jam estas pli ol 2700!).

La jaro ankaŭ en Irano havas 12 monatojn. La **ses** unuaj monatoj konsistas el po **31** tagoj, la sekvantaj **kvin** – el **30** tagoj kaj la lasta havas **29** tagojn, escepte super-jaron, kiam ankaŭ ĝi havas 30 tagojn.

La plej granda festo por irananoj estas la Nov-jaro (Novruz-festo[5]), t.e. la **21-a de marto.** Tio signifas, ke la nova jaro en Irano komenc'iĝas per pintempo. Ankaŭ la alia granda tut'popola festo estas lig'ita al printempo. La 13-an de Farvardin[6] (la 2-an de aprilo) ĉiuj veturas ekster la urbojn por festi la verd'iĝon en la naturo.

Krom Irano tiu ĉi kalendaro estas uz'ata en **Afganio** kaj, kvankam ne oficiale[7], ankaŭ en **Taĝikio** kaj **Turkmenio**.

Por ali'land'anoj certe estas interese, ke gazetoj kaj ĵurnaloj havas la daton, sur la titol'paĝo, laŭ irana kaj romia kalendaroj.

*M. Reza* TORABI (Irano)

1. skribas, diras nur per kelkaj vortoj / 2. jar'kalkul'ilo / 3. religia per-anto de super-natura Forto / 4. for-kuri de antaŭ iuj / 5. persa vorto / 6. la nomo de la unua monato / 7. laŭ ŝtata decido.

## Surprizu viajn amikojn per eksterordinara kapablo kalkuli!

# "MI SCIIS JAM ANTAŬE!"

La prezent'adon vi devus en-konduki per jenaj vortoj, ekzemple:

*"Ge-amikoj! Vi ĉiuj certe vidis kaj aŭdis homojn, kiuj kapablas diveni ies pensojn. Pri tiaj simplaj aferoj mi ne okup'iĝas, ĉar mi jam progresis plu. Mi kapablas diveni viajn pensojn, antaŭ ol vi mem ilin el-pensis. Vi, eble, rid'etas, sed mi povas pruvi[1] miajn vortojn".*

La penso-diven'isto prenas paper'pec'eton kaj skribas sur ĝi nombron (malpli grandan ol 51) kaj, poste, fald'inte la foli'eton li/ŝi turnas sin al iu fraŭlino, ekzemple, dir'ante: *"Mi petas vin, fraŭlino, meti tiun ĉi folieton en vian man'sak'eton! Dankon! Kaj nun, bon'volu skribi nombron inter 50 kaj 100 – ne, mi ne rigardas! Al-donu (la divenisto diras la diferencon de 99 kaj tiu nombro, kiun komence li/ŝi notis sur la folieto). Ĉu vi estas preta? Nu, bone. Kaj nun for-streku la unuan ciferon de la sumo, kaj aldonu ĝin al la rest'inta nombro. Se la sumo estis, ekzemple, 176, al 76 aldonu 1 kaj vi ricevos 77 kiel sumon. Ĉu vi komprenas? Se vi estas preta, subtrahu[2] ĉi tiun sumon el la nombro, kiun komence vi elektis kaj skribu la diferencon per grandaj ciferoj. Kaj nun, prenu la folieton el via saketo kaj komparu la nombrojn? Ĉu ili estas egalaj? Nu, vi vidas, ke mi sciis antaŭ ol vi elektis."*

Tiu ĉi simpla artifiko[3] ĉiam tre efikas. Provu vi mem!

**(*Ekzemplo:* Sur la fald'ita folieto vi skribis, ekzemple: 33; 99 – 33 = 66. Elekt'ita nombro, ni supozu: 72. Do: 72 + 66 = 138. El tio 1 forstrek'ita kaj aldon'ita al 38 = 39. 72 – 39 = 33, kaj tio troviĝas sur la folieto.)**

**Konsilo**. Faru plurajn ekzercojn kaj nur poste prezentu vian artifikon antaŭ publiko.

Multajn sukcesojn!

El *"Miru, pensu, ridu!"* de Paul Bennemann (1950)

1. atesti pri la ver'eco / 2. de-preni nombron de alia nombro, ekz: 9 – 3 = 6 / 3. lerta trompa ruz'aĵo.

| | NLG | DEM | USD | 2-4 abonoj | Ekde 5 | Aere |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 24 | 21 | 15 | -33.3 % | -50 % | en la prezo |
| Tarifo 2 | 13 | 12 | 8,50 | -33.3 % | -50 % | +20 % |
| Tarifo 3 | 9 | 8 | 6 | -20 % | -30 % | +20 % |
| Tarifo 4 | 6 | 5 | 4 | -20 % | -30 % | — |
| Hungario | | 600 HUF | | po 480 HUF | 420 HUF | — |

*Otakar Batlička*

# LAMPIRO[1]

Superstiĉojn[2] oni povas renkonti en la tuta mondo. Oni ridas pri ili, tamen plej multaj kredas ilin. Dum miaj vojaĝoj tra diversaj landoj mi ofte aŭdis pri diversaj superstiĉoj. Ofte temis pri ekster-ordinare interesaj aferoj.

Brazilo. Gvidis nin indiĝena[3] viro. Vesper-iĝis. Subita trans-iro de taga varm'ego al nokto kaŭzis, ke ni tremis pro frosto. Tial ni zorgis pri malgranda fajro. Ni estis tri-ope: Michael Necker [Miĥael Neker], mi kaj la indiano[4], kiu tie vivis. Li estis en la urbo por vendi tie birdo-plumojn kaj nun li havis kun ni komunan vojon, kiu daŭros kvar tagojn.

Ni sidis kaj parolis. Michael Necker vivas en Brazilo jam kelkajn jarojn. Sed nun tio estas lia lasta vojo tra la praarb'aro. Li jam havas en la poŝo bileton por la ŝipo. Li entuziasme[5] rakontis pri sia hejm'lando kaj antaŭ-ĝojis pro sia re-veno. Iom'ete mi enviis[6] al li. Hejmen, hejmen ...



Subite la silent'ema indiano montris al proksima arbo: "Homoj, rigardu – morto!"

Ni vidis sur la trunko[7] de la arbo, al kiu montris la fingro de la indiano, nenion alian ol malgrandan mov'iĝ'antan lum'eton. Ni iris pli proksimen: skarabo[8]! Ĝi estis pli malgranda ol maj'skarabo kaj lumetis kiel nia-landa lampiro.

"Kaj kial vi nomas tiun skarabon 'morto', amiko?" mi demandis la indiĝenon, kiu staris tim'eme malantaŭ ni. Mi volis ĝin for-preni de la arbo.

"Ne, ne ...!" ekkriis la indiano kaj for-batis mian manon. "Se vi prenos la skarabon en la manon, vi mortos!"

"Ĉu la skarabo estas venena[9]?"

"Ne, ĝi ne estas venena", la indiano kaptis mian manon kaj klar'igis: "Ne, ĝi ne estas venena, sed ĉe ni oni diras, ke tiu, kiu tuŝas tiun skarabon, devas morti!"

Michael laŭte ek-ridis: "Sen-senc'aĵo! Nura superstiĉo! Jen rigardu, amiko, mi metos tiun morto-port'antan skarabon sur mian man-platon!"

Atent'eme li de-prenis la lum'antan est'aĵon kaj metis ĝin sur sian mal-dekstran manon. La skarabo, tim'ig'ita pro la ek-tuŝo, ek-brilis kiel malgranda stelo. Subite la stel'eto esting'iĝis, ni aŭdis zum'adon[10] kaj la skarabo for-flugis.

Ni re-venis al la fajro. La indiano venis malrapide kaj silente. Poste li diris: "Sinjoro, rigardu la manon, vi trovos tie la signon de morto!" Michael levis

la maldekstran manon kaj rigardis la man'platon. Tie lum'etis malgranda makulo, kvazaŭ ia kopio[11] de la suba parto de la skarabo-korpo. Necker rigardis la lumantan signon.

"Tio estas nenio, nur iu lumanta gluo, kiun la skarabo el-igis est'ante en danĝero. Kiam mi prenis ĝin en la manon, ĝi lumis iom pli klare, kaj vidu, vi, timem'ulo, mi ankoraŭ ne mortis!"

La indiano nur silente levis la ŝultrojn. En la sekva tago ni daŭr'igis nian vojon kaj sen mal-facil'aĵoj atingis nian celon. Mi adiaŭis Necker, kiu post kelk'taga ripozo volis iri al la maro kaj tie atingi la ŝipon.

For-pasis kelkaj semajnoj, kiam mi hazarde[12] trovis malnovan numeron de gazeto, kiu aperis en la ĉef'urbo. La el-tranĉ'aĵon kun la informo, kiu halt'igis mian spiron, mi havas ĝis hodiaŭ:



**Granda fer'voja katastrofo[13]**

La 24-an de februaro, en la oka horo matene inter *Sao Paolo* kaj *Santos* okazis granda katastrofo. La rapid'vagon'aro numero 15 el-rel'iĝis kaj falis de la fer'voja digo[14]. La katastrofo okazis pro difekt'iĝo de la reloj post pluvego. Feliĉe, estis nur kelkaj vund'itoj, nur unu persono mortis. Temis pri iu Michael Necker.

Ĉu hazardo? Mi diras al vi, ke nur hazardo.

Sed stranga hazardo...

*Tradukis kaj adaptis: Dieter BERNDT (Germanio)*

1. lum'insekto / 2. mis-kredojn / 3. pra-loĝ'anta / 4. nomo de ruĝ'haŭta indiĝeno de Ameriko / 5. kun arda emo al io / 6. deziris havi ion, kion aliaj havas / 7. sen-branĉa, mal-supra parto de arbo / 8. ordo de insektoj kun mal-molaj antaŭaj flug'iloj / 9. kiu el-igas mort'igan aĵon / 10. zumi: brui kiel insekto / 11. ĉi tie: post-signo / 12. ne-intence / 13. subita mal-feliĉa okaz'aĵo / 14. alt'ig'ita, arte-far'ita vojo por vagon'aroj.

## LINGVAJ EKZERCOJ POR KRIST'NASKO

Kristnasko estas festo de paco kaj amo por krist'anoj. Por doni taŭgan lingvan materialon ni prezentas vort'kun-metojn, parol'turnojn kaj proverbojn per la vorto *'koro'*, kiu en Esperanto, kiel en multaj lingvoj, estas ankaŭ sid'ejo de sentoj: *deziroj, ĝojo, malĝojo kaj amo.*

**plenkora, tutkore, bonkora, favorkora, molkora, senkora, kortuŝi, korpremi**...

**nobla / peza / facila** koro...

lia koro **mol'iĝas / fendiĝas / krevas / tremas / plen'iĝas / mal-pez'iĝas / sangas / batas en la gorĝo** ; havi koron el **oro** aŭ **ŝtono** ; **fermi lun en la** koron ; **gravuri ion** en la koro ; **trovi la vojon** al ies koro ; **de-turni de iu** la koron ; **teni** la koron **sur la mano** ; **el-verŝi** sian koron...

**Bel'econ taksas ne okulo sed koro. Kiom da koroj, tiom da voloj. Koro pleniĝas, lango mov'iĝas. Se en kor' io sidas, vizaĝo perfidas. Kion koro portas, vizaĝo raportas.**

Konstruu per la donitaj kor'esprimoj (krom la proverboj) po unu frazon kaj sendu ilin al nia adreso (paĝo 23). Ni lot'umos tri jar'abonojn al *Juna Amiko* por 1999. Limdato: 31 januaro 1999.

NI GRATULAS

— al *Stefan MacGill*, kiu akiris du unuajn premiojn (kategorioj: prozo kaj teatraĵo) en la Belartaj Konkursoj de UEA 1998;

— al nia lingva reviziianto *s-ro André Albault*, kiu ricevis la distingan titolon de *Honora membro de UEA*. La saman distingon ricevis *s-ro Claude Piron*, kies artikolon vi legis en la septembra numero.

NI DANKAS

— al *s-ro Zoltán Könyves* el Hungario, kiu sub-tenis nian laboron per 25 mil HUF.

### NIAJ ART'ISTOJ en 1998

**Poeto:** *Mohamed KALAI* (Alĝerio), laŭdon meritas: *Danguole Simanaityte* (Litovio)

**Prozisto:** *Eugenia-Ekaterina POPOVICIU* (Rumanio)

**Tradukisto:** *José de Campos PACHECO* (Kubo)

**Desegnisto:** *Mohamed KALAI* (Alĝerio) laŭdon meritas: *Gizelle Fleck* (Brazilo)

SOLVOJ

**N-ro 2:** *Eŭropo,ruli,oleo,spiono; dimanĉo.*
Ĝustajn solvojn sendis: E-grupo de Gimnazio Kossuth (Hungario), Rinzo Okumura (Japanio), Snejana Jovanovska (Makedonio), Jayme Alves Patricio (Brazilo), Ciril Lang (Svisio), Eddy Derycke (Francio)
**N-ro 3:** Maria Miteuska (Makedonio)

Rubriko de Tatjana Auderskaja
Postrestante, UA-270001 ODESSA-1, Ukrainio

Ĉi-foje ni prezentas al vi nur unu ciferan enigmon. La ceteraj estas interesaj ekzercoj por viaj okuloj.

**(La taskojn ni ricevis de s-ro *Evandro de Freitas*, brazila matematikisto)**

## Magia kvadrato



**Metu la ciferojn de 1 ĝis 9 en la kvadrataron tia-maniere, ke ilia sumo en ĉiu horizontala, vertikala kaj diagonala linio estu konstanta.**

Havu paciencon, kaj sendu la magian kvadraton al nia adreso ĝis **la 1-a de aprilo** 1999.

## Optika iluzio

❶ Kiu el la tri personoj estas la plej alta? (Respondo malsupre)



❷ Ĉu la bildo prezentas spiralon? (Respondo malsupre)



❸ Kiu kato havas pli grandan buŝon? (Respondo malsupre)



SOLVOJ: 1. Ili estas egale altaj. 2. La cirklo konsistas el samcentraj cirkloj. 3. Neniu.

*Karaj gekolegoj, bv. fotokopii la formularon kaj poste tajpi aŭ skribi nigre, klare kaj preslitere nur ene de la kadroj. Uzu apartan folion por ĉiu klaso. Pliajn informojn skribu sur aparta folio.*

# ENKETILO pri LERNEJA INSTRUADO de ILEI por 1998/99

Nomo de la lernejo:

Stratadreso:

Retadreso aŭ telefono:

Poŝtkodo:

Urbo:

Lando:

Nomo de la instruisto:

Kiom da lernantoj en la kurso? ☐

Meza aĝo ☐

Kiom da minutoj semajne? ☐

Kursosemajnoj jare ☐

*Hoku la kvadraton por indiki JES:*

Instruisto profesia? ☐ Lingvo-instruisto? ☐ Dungito de la lernejo? ☐

En oficialaj horoj? ☐ Oficiala lerneja studtemo? ☐ Ekzameno? ☐

Partopreno deviga post elekto? ☐ Partopreno plene deviga? ☐

Lerniloj: ☐ nacilingvaj ☐ propraj ☐ vidbendo Mazi

☐ Tendaraj Tagoj ☐ Saluton! ☐ Ludu kun ni

Ligoj kun: ☐ IĈLM ☐ Fundapax. Ricevas: ☐ Juna Amiko ☐ IPR

Se vi instruas Esperanton **nepre** plenigu la formularon kaj **baldaŭ sendu** ĝin al la adreso de *Juna Amiko*. Ni bezonas fidindajn statistikajn indikojn.

**GÉZA KURUCZ, Hitel u.10.fszt.16, H-6000 KECSKEMÉT, Hungario**

• Se vi havas al-iron al Interreto, vizitu la TTT-ejon *http://esperanto.nu* kaj klaku sur *La angulo*. Tie vi trovas plurajn, kiuj serĉas korespond'amikojn.

• 11-jaraj ge-lernantoj deziras korespondi kun la tuta mondo. Ili certe respondos al vi. Skribu al: *Esperanto-rondo*, Szkoła Podstawowa nr 34, ul. Reymonta 69, PL-44-200 Rybnik, Pollando.

• 19-jara studento volas korespondi pri ĉiuj temoj tut'monde. Lia adreso: *Ilja Smikov*, Ostrovskogo 5-86, RUS-357 739 Kislovodsk, Rusio.

• 11-13-jaraj geknaboj deziras korespondi kun la tuta mondo. Skribu al ilia instruisto: *José de J.Campos Pacheco*, calle 10 % 29 y 31 escl 2908, piso 3 apt F-6, Pedro Betancourt-Matanzas, Cuba-42700.

• 7-12-jaraj geknaboj serĉas plumamikojn. Skribu al *Grupo Estudos de Esperanto prof. Wâner M.Arruda, A/C*




profas. Celi M.B.Pinheiro e Maria C.A.C.R.Ramos, Rua Domingos Peluso, s/nr, bairro Vila Casal, BR-36500-000-UBÁ-MINAS GERAIS-BRAZILO.

• Klaso de 8-9-jaraj infanoj deziras korespondi kolektive kun similaj klasoj aŭ kluboj el ĉiuj landoj (IĈLM). Adreso: *Ecole publique*, F-24210 Limeyrat, Francio.

• 10 malagasaj gejunuloj deziras korespondi tutmonde. Adreso: *Esperantistoj*, Lot II-C 72 FD Manjakaray, 101 Antananarivo, Madagaskaro.

**Ni preferas la korespond'petojn de gejunuloj kaj instruistoj.**

Vizitu nian hejm'paĝon: **http://www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto**

**juna amiko**

Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

25-a jaro, n-ro 4 (87), 1998

Aperas 4 fojojn jare.

Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)

Ret'adreso: junaamiko@esperanto.nu

Abona adreso: Juna amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario

Eldonanto: ILEI, Södra Rörum pl 455, S-24294 Hörby, Svedio

Lingva reviziando: *André Albault* (Francio)

Kunlaborantoj: *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *Lisbet* kaj *Bertil Andreasson* (Svedio), *Stefan MacGill* (Hungario), *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *s-ino Monique Noël* (Francio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Gennadij Basov* (Rusio), *Brandhyl Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Rinzo Okumura* (Japanio), *Pekim Tenorio Vaz* (Brazilo), *Zoltán Kurucz* (Hungario), *Dieter Berndt* (Germanio), *Bill Mak* (Ĉinio); *Melinda Sántha, Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio) grafikistoj

Farita en Presejo Saluton

Fényes Adolf u. 19-21, H-1036 BUDAPEST, Hungario

**ISSN 0230 1314**

# KIA PASPORTO?

Jen stranga familio! (Vidu ĝin en la bildo.) Filozofo (greka) por patro, baleta danc'ist'ino por panjo, la filinoj – juĝ'isto kaj skulpt'isto, kaj la filo, kiu konstante ĵonglas, kuras kaj kalkulas ĝis dek. Al tiu ĉi kurioza familio al-venas gasto el Nov-Zelando, en akompano de blekema ŝafo kaj stranga pasporto, ja tiu de nia unika Pasporta Servo. Sed tiu ekster-leĝa dokumento ne plaĉas al la detektivo – cetere iom surda – kiu al-venas, ĉar mal-aperis mon'sumo el la familia hejmo. Tio okazis, ĉar..., sed momenton, mi ne mal-kaŝu al vi ĉiujn sekretojn kaj surprizojn de la nova vid'benda kurso *Pasporto al la Tuta Mondo*.

Dek partoj de ĝi estas film'itaj kaj kvar (kun duhora ludo-daŭro) jam aĉet'eblaj en NTSC aŭ PAL sistemoj. La tekston pri-laboris kaj verkis *Paŭlo Gubbins* (Britio), la aktoroj venas el diversaj landoj, la tuto estas registr'ita en profesia studio en Kalifornio.

Nun ankaŭ !LEI kun-laboras en la projekto per pret'igo de 72-paĝa grand'formata ekzerc'aro apoge al la vid'bendo: *Ekzercoj al la Tuta Pasporto*. Ĝin verkis via iama redaktoro, *Stefan MacGill*, ilustris *Gejl Lucas*. Oni lanĉis ĝin dum UK en Montpeliero.

En Usono la ekzercaro kostas 5 USD ĉe la projekt'gvid'antoj (ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA94530) La tuta kompleto, kun du vidbendoj, kostas 90 USD. Tie la ekzercaro estas ne-bind'ita kaj en formato "Letter". En Eŭropo ĝi estas aĉetebla en formato A4, de UEA aŭ !LEI, bindita (12 NLG) aŭ ne-bindita (9 NLG).




pasporto: dokumento, kun kiu oni povas vojaĝi ekster-landen / Pasporta Servo: unika servo de TEJO, vidu artikolon en paĝo 6.